1ª jaro - Nº 4 (Publication mensuelle) Septembro 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:
J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé
PARIS - XIVe

---

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo !*

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Usono.

# Libertempa Letero

Pisin-Molitor, Septembro 1933.

Karaj geamikoj,

El la eleganta marborda loko, kie mi pasigas mian libertempon, mi skribas al vi por informi vin, ke la nuna numero de nia Pirato aperas kun sentebla malfruiĝo. Sendube iuj kalumniuloj disklaĉos, ke ni organizis tiun malfruiĝon intence por imiti la malnovajn Esperantajn gazetojn. Ne kredu ilin! — Kulpa estas tute simple la libertempa periodo. Efektive, niaj piratoj deklaris, ke almenaŭ dum la libertempo ili deziras okupiĝi pri seriozaj aferoj. Konsekvence ili ĉiuj liveris sian kaperaĵon nur antaŭ kelkaj horoj.

Krom tio, kion rakonti al vi? Ĉi tie oni babilaĉas ĉiam pri la samaj, stultaj aktualaĵoj. Ha jes. Strangaj eĥoj alvenis al miaj oreletoj: Regas nun harmonio en Esperantujo. Ĉiuj estas kontentaj! — René Dubois, al kiu mi ĵus donis naĝlecionon, fiere deklaris: « Kion ni celis en Parizo, tion ni atingis en Kolonjo, pfft, pfft, pfft! » — Por ke vi komprenu la sencon de tiu « pfft, pfft, » mi devas aldoni, ke intertempe li estis glutinta iom multe da akvo. — Ni ankaŭ atendis S-ron Stettler ĉi tie. Sed li ne venis. Li diras, ke sufiĉas por li naĝi... en ĝojo. — De Teo Jung mi ricevis poŝtkarton: « La Interkonsento de Kolonjo estas tre proksima de mia projekto. Mi konsideras ĝin preskaŭ perfekta. » — S-roj Kreuz kaj Jakob fine trovis formulon akcepteblan por ambaŭ: En kortuŝa maniero ili nun kantas duvoĉe kaj unuanime « Vivu! Vivu! » — Sed ili ne diras kiu, nek kio. La harmonio daŭras. — Espereble ĝi ne daŭros tro longe. Ni terure enuus dum la longaj vintraj vesperoj!

Estu ĉiuj Kolonje kisataj

de via fidela

Sala Fumal.




# Dankomanko

Ne nur nia amiko Teo Jung rajtas plendi, ke la oficialuloj malatentis en Kolonjo lian bonan laboron, — estas ankaŭ alia, kiu rajtus eĉ kanibalvoĉe bleki sian indignon pro simila forgeso. Sed tiu alia ne plu blekos. Estas UFE.

Kun rideto de homo, kiu faris sian devon, S-ro Behrendt, prezidanto de l' kongreso, anoncis la morton de UFE. Kun rideto, ĉar — se finfine la obstina UEA kapitulacis — tio estas grandparte lia persona merito. Ĉu ne estas li, kiu minacis UEA per la dikaj kanonoj de ekskluzivigo tute konforma al la germana reĝimo? — Ni komprenas lian ĝojon, ankaŭ la ĝojon de l' aliaj kunbatalintoj, kiam UEA cedis. Sed kial S-ro Behrendt asertis, ke neniu verŝos larmon pri UFE?

Pardonu, — laŭ nia pirata sento, ĉi tie estis manko. UFE meritis honoran mencion. Ni, piratoj, ĵus voĉdonis ĝin :

« Post atingita unuecigo de l' Esperanto-Movado, pri kiu ni ĝojegas, ni sendas pian penson al mortinta UFE, kiu brile plenumis sian rolon, kiu sciis memofere malaperi, kiam ĝi ne plu estis utila, tiele donante imitindan ekzemplon al kelkaj obstinuloj. »

Brile plenumis sian rolon? Senŝerce?

Jes, ĉar la tasko de UFE estis ĉiam tiu de l' Nigra Viro, de l' fabela Timigulo, kiun oni venigas ĉiufoje, kiam malĝentilaj infanoj ne volas obei. Post reordigo de l' situacio la basvoĉulo senbrue retiriĝas en la landon de l' mituloj.

LA DEĴORANTA PIRATO.

*NIAJ ENKETOJ*

# La senco de revolucio

Nia elita legantaro certe memoras, ke ĵus okazis granda revolucio en Andoro. Sendube la pli inteligentaj el vi ankaŭ scias, ke Andoro estas malgranda respubliko ie en Eŭropo. Malgranda, jes, — sed tamen iom pli granda ol normaldimensia naztuko. La kaŭzon kaj celon de la Andora revolucio ĝis nun neniu konis, ĉar la bone informita gazetaro ne kapablis klarigi al ni, pri kio temas. Tial, je miaj propraj riskoj kaj kostoj, mi faris enketvojaĝon al tiu liliputa landeto por ekscii la veron.

Ekzakte, kiel mi estis antaŭvidinta, mi trovis la ĉefojn de l' revolucia movado dum la aperitiva horo ĉirkaŭ la sola tablo de l' sola kafejo en la ĉefurbo Andorra la Vieja. El ilia konversacio mi tuj komprenis, ke ili revolucias, ĉar ili estas malkontentaj. Sed kial malkontentaj ?

Unue, kiel vi kaj mi, ankaŭ ili kulpigas la krizon. Plue, pro bedaŭrinda taktika eraro ili fuŝis la solajn industriojn, kiujn ili havis, t. e. bovinoj kaj turistoj. Ili misinterpretis la egalecigan teorion de komunista agitanto, kiu paroladis pri « samaj rajtoj por ĉiuj », konsekvence de kio ili dorlotis la bovinojn kaj melkis la turistojn. Kiam ili komprenis sian eraron, estis tro malfrue. Tiam iu cerbulo konstatis, ke restas ankoraŭ unu ebleco por savi la landon per kreo de nova industrio : Oficialaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto. Ĉiuj entuziasme konsentis, sed bedaŭrinde neniu faris al ili tiurilatan proponon. « Kaj finfine », ili rezonadis, « ni ne estas pli stultaj ol la Liĥtenstejnanoj ! » Kaj tial ili revoluciis.

Nun mi modeste intervenis : « Via deziro, sinjoroj, estas facile plenumebla. Ni sendos al vi la specialiston, nian amikon Kreuz. »

« Ve! » ili ekĝemis, « tio estas neebla. Jam unu fojon S-ro Kreuz provis enpenetri en la landon, sed li estas tiel ampleksa, ke li tuj plenigis la tutan respublikon, kaj ni devis elmigri, kvankam la plej granda parto de lia individuo eĉ restis ekstere. »

« Nu, bone », mi diris, « ne ekscitiĝu tiel laktosupe. Sed aŭskultu, — vi pritraktos la tutan aferon kun li perletere. »

« Neeble », ili respondis unuvoĉe, « nia poŝtisto ne scias legi. Li do ne povas direkti niajn korespondaĵojn al la adresitoj. »

« He pesto! » mi iom embarase devis konstati, « tio estas efektive neeltenebla situacio. La fakto, ke via poŝtisto ne scipovas legi evidente multe ĝenas vin... »

« Verdire, ne tre », ili konfesis, « ĉar, aliflanke, ni ja ne scipovas skribi. »

« Krepuskombro!! », mi triumfe eksaltis, « en tiaj cirkonstancoj la problemo ja estas nekontraŭdireble solvita. Se vi ne scipovas skribi, vi ja ankaŭ ne bezonas poŝtkartojn, ĉu ne? »

La lumture hela logiko de tiu ĉi potenca rezonado tuj konvinkis kaj tranviligis ilin. Senprokraste ili malplenigis siajn glasojn, kaj lasante la fakturon por mi, ili hejmenkuris por anonci al siaj edzinoj, ke la granda revolucio finiĝis.

Depost tiu tempo regas ordo en Andoro. — Kaj mi scias nun, ke post ĉiu revolucio, estas iu, kiu pagas la glasojn.

JULES LARIBOIS.



*Nia kunlaboranto Nels malaperis.*
*Ĉu iu aŭdis ion pri li?*

# Kaj nun al la laboro !

Ĉi sube ni publikigas « Leteron al la kompetentaj aŭtoritatoj », kiun ni ricevis de ĉeĥoslovaka amiko. Ĝin ni lasas absolute senŝanĝa, malgraŭ kelkaj esprimoj, kiuj ŝajnas al ni nejustaj, tro fortaj aŭ ne plu aktualaj, sed la saĝa propono, kiun ĝi alportas, meritas trovi sonoran eĥon en la konscienco de ĉiu samideano. Ni firme esperu, ke tiu ĉi genia ideo ne malaperos en oficialan paperkorbon, — alimaniere LA PIRATO scios najli la kulpulojn al la pilorio! Saluton !

## Letero al la kompetentaj aŭtoritatoj

Laŭdire, sinjoroj, finiĝis fine la senlaca dis-kuto kaj -puto pri butika politiko, kiuj ĝis nun dislutis niajn fortojn. Laŭdire, sinjoroj, nun ne plu temas pri organizado sed pri praktika laboro ! Mi gratulas.

Sed sinjoroj, ne ekmilitu senplane kvazaŭ blindaj kokinoj. Ne malŝparu niajn groŝojn kvazaŭ moderna bankisto. Certe, mi scias, ke en la nuna periodo ni devas ankoraŭ propagandi, kaj propagando kostas monon. Ni devas ĉiutage kaj senlace ripeti al stulta homaro, kiu interesiĝas pli pri la kruroj de kinematografa korifeino ol pri humanaj aferoj, ke Esperanto vivas kaj progresas. Tiurilate vi jam timeme eklaboris. Jam vi enŝteliĝis senbrue en gazetajn angulojn, jam vi hezite vibrigis radiajn ondojn, jam vi invitis al solenaj diboĉoj stomak- aŭ hepatmalsanajn bonzojn, jam vi parolas pri utiligo de l' internacia ekrano kaj pretiĝas konkeri la stratosferon. Sed, sinjoroj, tio glutis kaj glutos multe da spesmiloj, dum la praktika rezultato similos al la luno : Ĝi estos giganta nulo.

Ĉu vi neniam pensis, ke ni havas tra la mondo helpemajn fratojn, kiel dirus sinjoro Francisko de Asizi, amikojn tuj pretajn al kunlaborado ? Ĉu necesas, sinjoroj, ke mi, modesta batalanto, atentigu vin pri tiu ĉi fakto ? — Dank' al Dio mi ĝustatempe pensis pri tiu nova, efika, potenca, triumfa propagandebleco kaj mi humile submetas al via alta juĝo tiun ĉi metodon de sukcesa agado, kiun ni nomu, se vi volas, la *Papagagado*.

Ne ekridu, sinjoroj, kiel tiklataj knabinetoj,— ne kuntiru malestime la nazon kiel sata hundo super sekiĝinta osto, — sed studu la aferon ; ĝi estas serioza !

Jen. Estos relative facile por vi, kiuj posedas tra la mondo kompletan reton de delegitoj, starigi statistikon pri la nombro de papagoj, kiuj vivas nuntempe en civilizitaj cirkonstancoj sur nia tero. Vi miros pri la

cifero. Aliflanke vi sendube scias, ke tiuj papagoj ĝenerale misuzas sian parolkapablon por ripeti parkerumitajn stultaĵojn, kiel ekzemple : « Bonan tagon, panjo ! » — « Kion ni manĝos hodiaŭ ? » — « Heil Hitler ! », ktp. Sed pripensu, kian utilan propagandon niaj verdaj plumfratoj povus fari, se ili envicigus en sian repertuaron : « Lernu Esperanton ! » — « Aliĝu al UEA ! », k. a. Kompreneble, vi estos pli kompetentaj ol mi por ellabori la plej konvenajn tipfrazojn aŭ fraztipojn.

Imagu ekzemple la sukceson de tiu ĉi sceno.

Paciento pacience atendas en antaŭĉambro de kuracisto. Subite, el sia orumita kaĝo, bone dresita papago demandas en Esperanto : « Ĉu vi suferas, sinjoro ? » Senmanke la mirigita paciento demandos en sia nacia dialekto : « He birdo, en kiu lingvo vi ĵargonas ? » kaj tiam la papago respondos : « En Esperanto, sinjoro ! »

Mi citos ankoraŭ alian ekzemplon, aŭtentikan. Survoje al mia laborejo mi pasas ĉiutage preter teretaĝa fenestro, sur kies breto paradas papago. Dum tri monatoj mi ĉiutage respondis al ĝia impertinentaĵo « Utrete si Vás nos ! » *) per la simpla frazo : « Vivu Esperanto ! » — Hodiaŭ la brava besto siaflanke de l' mateno ĝis vespero alarmas la tutan kvartalon per tiu ĉi venkokrio : « Vivu Esperanto ! » — Kaj jen, ĵus mi eksciis, ke ĝi apartenas al furioza Idisto ! Bona propagando, ĉu ne ?

Fine, sinjoroj, ŝajnas al mi, ke vi povus facile organizi kursojn por la papagoj. Sufiĉus kunvenigi kelkajn centojn, eble en Arnhem, kaj doni al ili spertan instruiston, kiu dekdulecione enkondukus ilin en ĉiujn sekretojn de nia bela lingvo. La aludita metodo garantias nepran sukceson.

Nun vi konas mian proponon. Utiligu ĝin. Vi havas la eblecon organizi bonegan propagandon preskaŭ senpage, sed — kompreneble — ne senpapage !

BOHUSLAV KARTUŜEK.

Rim. de la Redakcio : Ni tutkore gratulas nian korespondanton pro lia bonega ideo. Sendube ne nur ĉiuj inteligentaj Esperantistoj sed eĉ la neabonantoj de LA PIRATO subtenos lian proponon. Tamen, senpartie, kiel ĉiam, ni konstatu, ke Bohuslav Kartuŝek verŝajne ne estas la unua, kiu pensis pri tiu originala metodo, ĉar jam antaŭ kelkaj jaroj nia amiko Ferrari sugestiis ĝin. Se ni ne eraras, nia amiko Ferrari jam kliŝigis tiucele kelkajn tipfrazojn.

---

*) Purigu vian nazon !

# Fino de skandalo

Jam sufiĉe longe tiu skandalo daŭris. Oni lulis la nove kreitajn Esperantistojn — kaj la aliajn — per tiu nehoma rekantaĵo : « Esperanto estas latina lingvo de l' demokratio ». Facile lernebla eĉ de simpluloj. Bone. Sed la eminentuloj, ĉu ili uzu la saman idiomon? Ĉu ankaŭ tiuj, kiuj havas en la poŝo plej altajn studatestojn, parolu kiel ordinaraj samideanoj? — Tio estus netolerebla skandalo. Sed la skandalo finiĝis. Jam kelkaj aŭtoroj, verkistoj aŭ gazetistoj, timeme kaj eble tro hipokrite, enkondukis rimarkindajn ŝanĝojn en la aspekton de Esperanto, ĝis tia grado, ke por neavertitaj samideanoj la afero ofte elrigardis kvazaŭ vortkruca enigmo.

La fortan baton, espereble definitivan, alportis la ĵetita bombo « Politika Sociala Revuo ». La afero estas lerte kaj ideoriĉe planita kaj efektivigita. La instrumento havas la ĝeneralan formon kaj ŝajnon de serioza verdavesta revuo. Oni ŝargis ĝin per plej danĝeraj materioj. En ĝi svarmas tiom da preseraroj, ke Solsona aspektas kiel nove-naskita orfinfano apud la alia fuŝpresisto. Krome oni povas percepti sen helpo de ia ajn lensaparato kelkajn mankojn de akuzativo... kaj kompense iajn trouzojn. La rilatoj kun la gramatiko estas ĝenerale tre streĉitaj kaj oni tre konvene enŝovis sukajn malkorektaĵojn aŭ... la jam aludita presisto reprilaboris la tekstojn. Verŝajne.

Ĉiuokaze, la verdavesta revuo kaŭzis kelkan impreson en la rendevua kajuto de nia ŝipo. Sala Fumal, nia graciplena kunlaborantino, deklaris, ke necesas havi dikajn okulvitrojn por interkonatiĝi kun tia serioza dokumento. Sed ŝiaj ravaj okuloj kaj ŝia kisinda nazeto ne toleras almeton de vitroj. Jules Laribois havis alian vidpunkton. Li dekretis, ke oni bone ĝuas la legadon de hieroglifoj, kiam oni sidas sur malalta sofo kaj provas nekompreni. Koncerne nin, ni simple

preferas verdakoloran anizon, sen Seltz-akvo, kompreneble, aŭ molan sporton ĉirkaŭ rusa bilardo.

Kaj la normala, meza Esperantisto — por paroli kiel S-ro Herriot — post absorbo de la scienca prozo kaj neologisma supo sendube restos baba *).

Pulbuŝel.

Rim. de l' Red. : La naiveco, kiun nia sagaca kunlaboranto Pulbuŝel ŝajnigas ĉi tie, estas memkompreneble artefarita. Pulbuŝel tre bone scias, ke la Redakcio de la « Politika Sociala Revuo » konsistas nur el L. K.-anoj kaj ke konsekvence la katastrofo estis neevitebla.

---

*) « Resti baba » : esprimo, kiun ni proponas por montri la staton de homo mirigita ĝis malprudento.

# EKSPRES-FABLOJ

Fatale! Ni sciis, ke post Kornelius Wassertrank, kiu komencis la petoladon en nia aŭgusta numero, sekvus aliaj. Jen :

AL JULIO BAGHY

Dum Septembrofino
Mi kun Jozefino
Rikoltis pli ol du tunoj
Da prunoj.

*Konkludo :*
Pruntempo en la aŭtuno !

AL PETER PENETER

Ĉe la marbordo
Ventoj el nordo
Sekajn retojn skuetas,
Kiuj bruetas.

*Konkludo :*
Sek-retaj Son-etoj !

*Originale verkis* Rosa Meier.



El letero sendita de S-ro Kornelius Wassertrank ni ekstraktas : « Ĉar dum multaj jaroj ni punlaboris sur la sama galero, mi ne volas havi sekreton antaŭ vi. Do mi volas respondi la demandon, kiun vi direktis al mi maldiskrete en la aŭgusta numero de LA PIRATO. Kial mi skribas mian prozon versforme ? Tute simple ; — ĉar vi pagas viajn redaktistojn polinie, mi havas certan avantaĝon tiel farante. Efektive, sama teksto estas pli liniriĉa en versa ol en proza vesto... Kaj bonvolu memori, ke mia nomo estas skribenda sen interkrampa demandosigno. »

Post tio ni nuligis nian kontrakton kun S-ro Kornelius Wassertrank. Li ŝajnas al ni pli pirata ol piratoj.

# Novaj tempoj, — novaj metodoj

## La unuaj rezultatoj

La malnovaj Esperantistoj ankoraŭ bone memoras la modestan propagandsistemon de l' unua epoko. Flugfolioj, Ĉefeĉ-ŝlosiloj, podetala varbado, diskretaj notetoj en provincaj gazetoj. Tio evidente estis la helika sistemo.

Sekvis poste periodo jam pli brua de l' Universalaj Kongresoj kaj publikaj kursoj. Kaj post la milito disvolviĝis la sukceso de l' Ĉe-metodo. Sed ankaŭ tiuj epokoj feliĉe apartenas jam al la pasinteco.

La novaj generacioj, ĉerpinte sian inspiron ĉe modernaj registaroj, adoptis nun definitive la feran sistemon. Kaj tiu ĉi jam portas siajn fruktojn. Ni kolektis tiurilate fidindajn informojn, kiuj konfirmas nian vidpunkton kaj la devizon :

« Nur unu princip' !
Per pugno kaj vip' ! »

---

En M., ĉarma urbeto, grupiĝis antaŭ nelonge kelkaj neflekseblaj Esperantistoj kaj fondis taĉmenton de S. A. (Specialaj Akcelantoj). Jen kion rakontas la tiea S. A.-estro.

« Nia urbeto havas 3.457 geloĝantojn maturaĝajn, el kiuj nur 22 apartenis al nia movado, kiam nia taĉmento ekfunkciis. Sed jam la unuan nokton ni kaptis 13 kontraŭulojn aŭ indiferentulojn, nome :

3 ni eltiris perforte el iliaj litoj,
3 ni kaptis embuskatakante iliajn aŭtomobilojn,
2 estis liverataj senpage de siaj edzinoj,
4 ni surprizis en la urba parko dum intimaj geduopoj,
1 ni trovis en strata defluejo, proksime de drinkejo.

Tiujn ĉi dektri individuojn ni zorge enŝlosis en nia « lernoĉambro », kie ili pasigis preparan nokton sur la pajlo. La antaŭkurso konsistis el tri fastotagoj. La kvaran tagon ni komencis la kurson donante duonporcion da kafo nur al tiu, kiu korekte postparolis : « Mi estas malsata. » Poste ni montris diversajn manĝaĵojn, bongustajn kotletojn, rostitajn kolbasojn, odore fumiĝantan pizokaĉon, klarigante samtempe la Esperantan uzmanieron. Vespere rajtis manĝi nur tiu, kiu sciis senerare mendi sian menuon en nia lingvo.

---

La dua leciono konsistas el bankuvo, en kiun oni trempas la lernanton. Komence la akvo ne estas tro varma; ĝia temperaturo estas preskaŭ eltenebla. Sed dank' al speciala hejtigilo, ĝi rapidege varmegiĝas pli kaj pli ĝis preskaŭ tuta bolstato. La lernanto povas eliĝi, nur kiam li kantis sentrue « La Espero »n. La rezultatoj ĝenerale estas bonaj. Eĉ la plej mallaboremaj sukcesas ĉesigi la brogadon post 1' 45".

---

La tria leciono okazas sur la akuzativmaŝino. La lernanto kuŝas surdorse sur litosimila aparato kaj devas seninterrompe konversacii kun la ekzamenantoj. Ĉiufoje, kiam li pekas kontraŭ la akuzativregulo, dekcentimetra najlo enprofundiĝas aŭtomate en lian postaĵkarnon. Sed, pro humanaj principoj kaj por eviti troan difekton, tio okazas alterne, jen en la orientan, jen en la okcidentan duonsferon. — La lernantoj tre rapide komprenas la akuzativon.

---

La kursanoj reiras al siaj privataj okupoj kaj familioj, nur kiam ili senerare verkis dekpaĝan artikolon pri la utileco kaj supereco de Esperanto kaj nur, se ili antaŭe subskribis sian aliĝon al la S. A.-taĉmento.

Hodiaŭ la urbeto M. jam havas 3.456 fervorajn Esperantistojn. La 3.457-a loĝanto estas la urba idioto, ne plu uzebla, ĉar ĵus steriligita. »

---

Ĉu tiu rezultato ne estas tre ĝojiga? Des pli, ke oni atingis ĝin sen antaŭa propagando.

Condorcet.




ESPERANTO (Aŭg.-Sept.) — En artikolo « Ni fosu nian sulkon » nia eminenta gvidanto Edmond Privat skribas :

« Ĉar la Esperantistaro volis konfidi la estontecon de nia movado al UEA, ĝi montros sin inda je la granda tasko... »

Tio signifas, ke la Esperantistaro montros sin inda, ĉar ĝi volis konfidi la estontecon de nia movado al UEA. Sed eble ni ne *havas komprenata* la intencon de l' aŭtoro.

GERMANA ESPERANTISTO (Aŭg.) — El raporto pri postkongresaj ekskursoj : « ... en Bingen, de kie ni vespere en malgranda motorboato transveturis al Assmannshausen por trinki tie la fame konatan ruĝan ĉampanvinon... »

Ĉu ne estas germana generalo, kiu diris

« Mi pensas, ke la ĉampanvin'
Plej bona estas,
Kie ĝi kreskas »... ?

Sed, finfine, oni havas certe en Assmannshausen ankaŭ la fame konatajn svedajn alumetojn.

*Samloke.* — El recenzo de Karl Minor L. K. pri « La Sorĉistino el Kastilio » : « La libro estas eldonaĵo de Literatura Mondo, do kompreneble ankaŭ ne libera de la iom speciala stilo de tiu rondo. Mi tute hazarde citu kelkajn formojn, kiuj min mirigis : maskituloj (kial ne : maskitoj ?), ŝprucanta ĉielan kaj teran feliĉon (anstataŭ : ŝpruciganta), kuraci ventrodoloron kaj breĉi vejnojn (kio estas tio, breĉi vejnojn ?), ranca haŭto (??), profani Dion (oni povas profani objekton, preĝejon, la nomon de Dio, sed ĉu Dion mem ?), pale ekrigardis la kardinaloj (ĉu ne palaj ?) ; por interkonsulti pri tio (oni konsultas iun, oni interkonsiliĝas pri io, sed oni ne povas interkonsulti !) ktp. — Mi forte bedaŭris, ke mi devis uzadi mian krajonon tiel ofte por fari substrekojn. »

S-ro Karl Minor eraras. Sian krajonon li ne uzis. Ĝin li misuzis. Ĉar, kiam oni intencas splitigi harojn, oni plej oportune uzas harsplitigilon.

HEROLDO (27 Aŭg.) — Letero el Ŝanhajo, Ĉinujo : « ... Nia asocio progresas tre rapide. Post nur du monatoj, la nombro de nia membraro jam kreskis de 16 ĝis 42, el kiu 65 % estas parolantaj esperantistoj. »

Tiuj ĉinoj vere ŝatas kaprompilojn. Ĉu ne estus pli simple diri, ke el tiuj 42 tre precize 27,30 estas parolantaj kaj 14,70 mutaj Esperantistoj ?

*Samloke.* — ... « La ekzamenon de l' tempo sukcese trapasos nur tiu, kiu kreis afektivajn valorojn. »

Ho he, amiko Jung, vi elkovas strangajn aforismojn!

HEROLDO (3 Sept.) — Fotobildo « Esperanto antaŭ la mikrofono en Brno » montras ĝentilajn gesinjorojn, kun tiu ĉi klariga subteksto: « Kunefikintoj dum la jubilea horeto » —

Estus interese scii, kiel la aŭtoroj de l' Poezia Fakvortaro komprenas tion. — Oni scias, ke — laŭ aserto de Baghy — la dirita Fakvortaro « atentas pli speciale subzonajn bezonojn de l' homo ». Temas verŝajne pri la « ama zono ».

ESPERO KATOLIKA (Junio). — Nia amiko S. Grenkamp defendas sin kontraŭ miskompreninta recenzisto: « ... kompreneble, ke mi elektis speciale kaj pene tiajn malsanojn, plantojn ĉu fiŝojn, kiujn nur specialistoj renkontas, sed kiuj povos eniri Sciencan ĉu Enciklopedian Vortaron... »

Ĉu? — Tio ŝajnas al ni stilo de ĉuisto.

---




*)

— Sinjoro Doktoro, mi jam venis unu fojon ĉe vi, sed tiam vi libertempis.

— Bone, mi do kalkulos al vi du vizitojn.

(*Bildo kaj teksto de* Uto.)

*) Kriztempa kliŝo (2-a eldono!)

*Kial la proksima Universala Kongreso okazos en Stockholm?*

*Ĉar oni asertas, ke post la Interkonsento de Kolonjo « ĉio estas nun en nordo! »*

*LITERATURO*

# LA KONSENTO

« Nu, » ekgrumblis Ĵif, eltirante la fingron el sia nazo, « ĉu vi trafoliumis la aŭgustan numeron de Literatura Mondo? »

« Kion vi celas per tiu ĉi demando? » singarde informiĝis Rembrand, kiam li konstatis, ke Ĵif remetas la fingron en la nazon. « Ekzistas kontaktoj, kiuj ne kreas erotikan etoson. »

« Strange, » respondis Ĵif, — « vi ĉiam turmentas min. Kion mi celas? Ĉu nur tion vi volas scii? Via demando maskas ĵaluzon. De kiam ni kune trinkis teon ĉe Pipton, ĵaluza sento obsedas vin. Tio okazis antaŭ kvardek-tri jaroj; estis la 13-a de Majo. Ĉu vi memoras tiun tetrinkadon? La butonoj de viaj manumoj estis el malkara kartono, aĉetitaj ĉe Pears & Co. Mi kunportis verkon de Cabyl Studley. Ni diskutis la influon de tiu aŭtoro. Vi oscedis. »

« Jes, jes, » Rembrand konfirmis, — « mi scias nun. Sed vi kondutis nekredeble strange, tiel etinfane. Jam tiun vesperon vi havis la fingron en la nazo. »

Ĵif perceptis la motivon: « Stulte, sin montri tiel ĵaluza. Certe, certe, mi aprezas tiun tremeton en via dekstra piedo, kiu kutime akompanas viajn aforismojn. Sed estas absurde. »

Rembrand bone konis la nazon de Ĵif. Kelkfoje li rigardis ĝin, eĉ admiris, kvankam li neniam parolis kun ĝi. Sed por la disputo, ĝi povis esti nur preteksto. Tiam Rembrand deprenis la piedojn de sur la tablo, ĉesigis la meditadon, rigardis senpalpebrume la viron kontraŭ li:

« Estas priplorinde, ke post kvindekjara amikeco ni ankoraŭ disputas pri similaj bagatelaĵoj. »

La rigardo de Ĵif havis strangan brilon. Kaj Ĵif parolis sentence, suĉante sian dentpurigilon:

« Ĉu vi trafoliumis la aŭgustan numeron de Literatura Mondo? Ĉu vi gustumis « La Kverelo » de Kenelm Robinson? »

« Hm, hm, » Rembrand tusetis, kaj remetante la piedojn sur la tablon li renversis karafon. Ĝi estis malplena. « Kenelm Robinson oficiale mortis antaŭ pli ol du jaroj, kaj tamen ankoraŭ nun... »

« Ĉu vi ne pensas, » proponis Ĵif, « ke ekzistas mortintoj, kiujn oni devus mortigi? »

La lipoj de Rembrand dum kvar minutoj restis senmovaj.

« Jes, » li diris fine, « mi konsentas ».

Tiam Ĵif ridetis: « Mi sciis, ke ĉi tiun fojon ni interkonsentos. » Kaj tute laciĝinte, kun larmaj okuloj, Ĵif englutis sian dentpurigilon.

A. B. C. Awful.

# NIAJ RECEPTOJ

## Dum estis varme...

Kelkaj fidelaj abonantoj de nia ĉiumonate kaperanta ŝipo petis de mi la plej oportunan manieron por konservi freŝan gorĝon dum la hejtata sezono. De mia praava bokuzino mi posedas la sekretan jenan recepton : Kiam la suno varmige brilas kaj kaŭzas malagrablan impreson interne de l' buŝo, iru simple al la kamparo. Tie, kolektu kelkajn kilogramojn da vinberoj, kiujn vi zorge premos ĝis la suko eliĝados. Tiu suko, kiun oni povas konservi en boteloj, havas agrablan guston kaj ĝi trafe freŝigos vin. Por nevetŭremaj samideanoj, mi malkovris, ke oni trovas la supre menciitan fluidaĵon — tute pretan — en diversaj butikoj, sub la ĝenerala difino : Vino. — Alia freŝigaĵo, kiun mi speciale rekomendas al miaj legantoj, nomiĝas biero kaj estas facile aĉetebla en ĉiuj urboj aŭ vilaĝoj, kiuj indas je tiu nomo.

Koncerne akvon, ĝin oni uzas por la ĉiutaga purigo de l' ferdeko.

---

## Dum la krizaj tempoj...

Ĉefa zorgo de l' mastrumantino estas nuntempe havigi al si malmultekostajn manĝaĵojn. Jen recepto por akiri ŝinkon.

Prenu kiun ajn malnovan maŝinkovrilon, ekzemple de kudromaŝino aŭ skribmaŝino. El tiu kovrilo vi faros tri partojn ; unu malgrandan kaj du pli grandajn. Poste, vi prenos la mezan parton kaj manĝos ĝin : Ma-ŝinko-vrilo.

Bonan apetiton !

Onklino Apolino.

*LA MOVADO, organo de la francaj Esperantistoj, lastatempe lame vadas : LAMO-VADO !*



*Ĉu ne strange, ke Baghy estas Julio eĉ dum Aŭgusto ?*

*Ĉu ne strange, ke Marseille estas... ĉefdelegito en... Parizo ??*



*« Se vi estas eminentulo kaj ne havas dikan felon, ne legu LA PIRATON ! »*

(El artikolo en HEROLDO.)




**Turĉambro 3.** — Tiu ĉi turĉambro en la Kolonja Kongresejo havas de nun historian valoron. Tie kunvenis la oficialuloj, kiuj akre pridiskutis la organizan problemon. Ofte la voĉoj plilaŭtiĝis kaj oni interŝanĝis sonorajn malagrablaĵojn. Elirante, iu partopreninto konfesis: « Tiu turĉambro estas pli ĝuste... torturĉambro. »

**Plilarĝigita bazo.** — Okaze de sia Jubileo UEA eldonis 35 novajn honorajn membrojn.

La plilarĝigo komenciĝis.

**Surprizo!** — Inter la novaj honoraj membroj troviĝas ankaŭ nia simpatia samideanino Gérard. Kiam ŝi eksciis pri la granda honoro, ŝi tuj skribis por danki: « Kun granda surprizo mi ricevis vian leteron... » Estas ĝentile.

**Kaj minacoj!** — Sed ŝia letero finiĝas tiele:

« . . . Mi sentas min ankoraŭ kapabla daŭrigi miajn servojn kaj tion mi faros kun energio duobligita. »

Ve!

**Stulta anekdoto** — K. Kalocsay dediĉis al S-ro Stettler belegajn rimojn « La Kapitan' el Berno », kiujn S-ro Telling tre verve deklamis dum la jubilea kunsido.

Kaj nun rondiras stulta anekdoto. Iu kolektema delegitino deziris posedi la plumon, per kiu la aŭtoro verkis la poemon kaj skribis tiurilatan petleteron. Venis respondo: « Mi ne uzis plumon... » — La delegitino insistis: « Bonvolu sendi la krajonon. » — Kaj venis respondo: « Mi ne uzis krajonon... » — Tiam ŝi petegis: « Kio ajn ĝi estis, sendu la ilon, per kiu vi skribis. » — Kaj ŝi ricevis... pomadstangeton! Stulte, ĉu ne?

**Kompense.** — Ni aŭdis, el fonto, kies fidindeco estas pridubinda, ke S-ro Stettler laboras nun super poemo, kies titolo estos « La Pap' el Budapeŝto ». — *Noblesse oblige.*

**Himno.** — Neniam « Himno pri Universala Paco » estis pli aktuala kaj necesa. Tiun mankon sentis eĉ la pariza gazeto « Excelsior » kaj tion diris. Tiam ĝi ricevis respondon de nia amiko S. Frantz, kiu atentigis ĝin, ke li mem estas la aŭtoro de « Himno pri Universala Paco », verkita en Esperanto. « Excelsior » publik-

igis tre Esperanto-favoran noton. — La dirita himno finiĝas per tiu ĉi strofo:

Ni antaŭen iru ĉiam
Nun sen timo kaj sen lac'
Ĉar ni dubos ja neniam
Pri Universala Pac'!

La himno ekzistas. Mankas nur la teksto.

**Kapitalistoj.** — La proleta Esp.-gazetaro nuntempe abundas. Inter la ĉefaj, kaj vere bone prezentitaj gazetoj, ni citu nur « Sennaciulo » — « Sennacieca Revuo » — « La Socialisto » — « La Kritika Observanto » kaj la listo ne estas kvarone kompleta. Ŝajne mono ne mankas.

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro G. W. en P. — Estu singarda! Via pordistino havas bonajn rilatojn kun ni. Amikeca averto.

Al S-ro E. N. en P. — Certe, ankaŭ vi povas aboniĝi al La Pirato. Jes, ni diris, ke « ĉiuj inteligentaj Esperantistoj estas abonantoj de la Pirato », sed ni neniam pretendis, ke « ĉiuj abonantoj de La Pirato estas inteligentaj ».

Al S-ino M. M. en B. — Dankon pro viaj ofertoj pri kunlaboro. Ĉar, esperenble, vi flikas pli bone ol vi skribas, ni turnos nin al vi, kiam nia poŝtosak' havos truon.

Al S-ro G. D. en L. — Jes, vi povas tikli nian kilon. Konsentite. Tio ne ĝenos nin.

Al Kul-ero. — Vi mem konfesas, ke pro la varmego via « kompatinda cerbeto ne povas funkcii ». Kial do vi tamen funkciigis ĝin? Sed baldaŭ estos pli malvarme.

Al F-ino M. B. en L. — Ni plezure akceptos rendevuon. Sed kial « malantaŭ la mikrofono de Brno ?? »

Al S-ro F. U. en B. — Vi verkas bone, sed la faktoj prezentitaj ne estas sufiĉe konataj por prezenti ĝeneralan intereson! Dankon!

Al S-ino P. en P. (pordistino). — Jes, konfidencaĵoj pri via domloĝanto kaj lia privata vivo povas esti interesaj. Prezo laŭ interkonsento. Venu iun merkredon.

Al S-ro L. en P. — Vi serĉas « dancistinon kun nur unu kruro ». Ni ne havas tiun artiklon sub la mano. Tamen ekzistas solvo: Aĉetu hakilon.

Al S-ro B. B. en K. — Kiam plaĉos al vi. Ni estas ĉiam soifaj.

Al S-ro P. G. en N. — Speciala gramatika finaĵo por montri la akuzativon verdire ne estas absolute necesa. Tre ofte oni povas kompreni la sencon el la kunteksto. Tre interesajn eksperimentojn oni faras tiurilate en « Hispana Esperanto Gazeto ».

Al S-ro D. H. en St. — Ne, sinjoro, La Pirato neniam konsentos fariĝi la oficiala organo de la 26-a Universala Kongreso. Ĝi tro ŝatas sian sendependecon. Aŭ dependus de la prezo.

Al F-ino R. M. en B. — Vi divenis, Peter Peneter estas nur pseŭdonomo de l' aŭtoro, kiu verkis « Sekretaj Sonetoj ». En la civila vivo li estas la fame konata grafo Porno.

Al S-ro F. M. en A. — Verŝajne ne, sed eble jes.

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# MODELO DE ABONILO

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi ........................ fr. fr.* *) *(aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ..............................................*

*Familia nomo:* **) ..............................................

*Antaŭnomo:* ..............................................

*Urbo (aŭ vilaĝo)* ..............................................

*Strato kaj n-ro* ..............................................

*(se necese) Provinco* ..............................................
*Distrikto, ktp.*

*Lando:* ..............................................

**... Kaj sendu al ni la adresojn de piratemaj amikoj!**
**DANKON!**

---

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble!